# Esperanto en Azio

(Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado)

**N-ro 74**
**Bulteno de KAEM**
**Januaro 2012**

---

## Feliĉan Novjaron!




**Ni deziras al vi ĉiuj sanon, pacon kaj feliĉon en la Jaro de Drako 2012.**

# Alvoko de Vjetnama Esperanto-Asocio
## por la 97a UK en Hanojo

**La 97-Universala Kongreso de Esperanto**
**de la 28a de julio ĝis la 4a de aŭgusto 2012**
**Hanojo, Vjetnamio**

***Karaj legantoj,***

La jaro 2012 por Vjetnamio havas duoblan signifon: La 26an de julio, la tuta mondo festos la 125-an datrevenon de la naskiĝo de Esperanto kaj tiu evento okazos nur 2 tagojn antaŭ la malfermo de la 97-a Universala Kongreso (UK-97a) en Hanojo. Kaj estas la unua fojo, ke Vjetnamio gastigas Universalan Kongreson. La monda Esperanta komunumo konsideras la jaron 2012 Jaro de Vjetnamio. Niaj sentoj pri tio estas diversaj.

***Unue: honoro kaj fiereco***

Estante akceptita de UEA kiel gastiganto de UK, ni sentas grandan honoron kaj fierecon. Tio estas konkretiĝo de multaj klopodoj fare de sinsekvaj generacioj de vjetnamaj esperantistoj, ekde la fruaj jaroj en 1930-aj jaroj, kiam sekvante la alvenon al Hanojo de franca perbicikla mondvojaĝanto Lucien Péraire, la vjetnama Esperanto-movado vigle evoluis kaj iom post iom gajnis internacian rekonon.

***Due: Prizorgo***

Al ni mankas spertoj por glate aranĝi kunvenon je tia amplekso. Kiel fari por indi je la fido de la tasko komisiita al ni de UEA? Ĉu ni povos disponigi sufiĉan kvanton da helpantoj-volontuloj kun sufiĉa lingva nivelo? Kiel fari por informi la enlandan kaj eksterlandan amaskomunikilaron pri tiu grava evento?

***Trie: Espero***

Iom post iom, ĉiuj niaj maltrankviliĝoj malaperis, danke al la efika helpo de UEA pere de ĝia Ĝenerala Direktoro kaj ĝia Konstanta Kongresa Sekretario, la subteno de KAEM, la spertoj haveblaj de aziaj landoj, kiuj jam organizis Universalan Kongreson: Japanio, Ĉinio kaj Koreio.

***Kvare: Engaĝiĝo***

Ni estas aktive preparantaj. La sukceso de UK dependas de via subteno, de via partopreno. Vjetnamio estas proksima de landoj kiel Nov-Zelando, Aŭstralio, ASEAN-landoj. Por esperantistoj el aliaj kontinentoj, estas bona okazo por konatiĝi kun gastema lando havanta tiom da belaj vidindaĵoj. La sukceso de UK-97 estas solida bazo por evoluo de la movado en najbaraj landoj. Ni estas plene konsciaj pri tiu engaĝiĝo.

Vjetnama Esperanto-Asocio
Nguyễn Phương Mai <goldenprocom@gmail.com>

Informo pri la 97a UK:

TTT-ejo de VEA : http://www.97uk-hanojo.com/index.aspx
TTT-ejo de UEA : http://www.uea.org/kongresoj/uk_2012.html

## Nepalo

## Baldaŭ okazos la 1a Sud-Azia Seminario

Nepala Esperanto-Asocio decidis okazigi la unuan Sud-Azian Seminarion (SAS) en Nepalo. Ties ĉefa celo estas disvastigi Esperanton kaj kunigi esperantistojn en la regiono.

SAS okazos ekde la 1-a ĝis la 6-a de marto en Katmando. Ni invitas ĉiujn esperantistojn el la tuta mondo por internaciigi la etoson. Jen estas la proponita programo:

1-a de marto: Bonvenigo, registrado kaj interkona vespero
2-a de marto: Inaŭguro kaj fakkunsidoj
3-a de marto: Fakkunsidoj
4-a de marto: Libera tago

5-a de marto: Fakkunsidoj
6-a de marto: Ferma ceremonio.

Ni organizos ekskurson antaŭ aŭ post la Seminario, se estos partoprenontoj.

Detalojn de la fakkunsidoj ni dissendos poste. Ni ankaŭ instruos Esperanton en diversaj niveloj, faros prelegojn kaj prezentos aliajn interesajn programerojn.

La kotizo estos 1.500 nepalaj rupioj por sud-azianoj (Nepalo, Barato, Pakistano, Bangladeŝo, Srilanko, Afganio, Butano kaj Maldivoj) kaj 75 eŭroj por aliaj landanoj.

Ni ankaŭ pretas gastigi partoprenantojn en niaj privataj domoj.

Antaŭpretige al SAS, Bharat Ghimire, la ĝenerala sekretario de NEspA, nun instruas 13 gelernantojn, kaj la kurso finiĝos venontan sabaton, la 21an de januaro. Kaj poste li denove planas instrui saman nombron. Antaŭ SAS li certe havos 30 novajn geesperantistojn. Kaj Hori Jasuo el Japanio instruos ilin pli dum SAS. Li ankaŭ havos prelegojn pri la japana katastrofo kaj aliaj. Bharat Ghimire prelegos pri Budhismo. Philip Pierce, usonano loĝanta en Katmando, prelegos pri tradukado. Mukunda Pathik, profesoro en Katmando, instruos la nepalan lingvon. Shiva Naga el Barato prelegos pri la Esperanto-movado en sia lando. Prelegos ankaŭ S. S. Pal el Barato.

Bharat K. Ghimire <nespa_bharat@hotmail.com>
ĝenerala sekretario de Nepala Esperanto-Asocio

## Zamenhofa Tago en Itahari

Ankaŭ Oriento-Nepala Esperanta Societo (ONES) festis la 15an de decembro la Zamenhofan Tagon en la Esperanta vilaĝo en la urbo Itahario, en kiu unu el la prezidantoj de la programo estis infana esperantisto f-ino Abhishek Pokhrel. 18 esperantistoj partoprenis en la Esperanta programo.

Nia ĉefo malfermis la programon, bruligante kandelon antaŭ la foto de d-ro L. L. Zamenhof. F-ino Alinka parolis pri sia sperto en

la 96-a Universala Kongreso kaj sia Esperanta agado. Instruisto s-ro Shree Pokharel prelegis pri Esperanto kaj Zamenhof kun la tutmonda Esperanta movado. Al la partoprenantoj li parolis pri sia sperto, kiam ili eklernis Esperanton.

La programo komenciĝis ekde la 4-a vespere ĝis la 7-a. Inter la partoprenantoj estis unu esperantista ĵurnalisto s-ro Ganesh Niraula

ALINKA pokhrel_alinka2006@yahoo.co.in

## Zamenhoftago en Katmando

Gesamideanoj celebris Zamenhoftagon en Katmando la 15an de decembro.

Posttagmeze estis sango-donacado ĉe Janabahal, la centra bazaro de Katmando. Ĝin okazigis Esperanto-Klubo de Katmando (EKKo). Venis 22 homoj por donaci sangon. Tiamaniere la esperantistoj laboris por la sociaj kialoj. Oni kredas, ke tiel ili povas sendi mesaĝon de esperantistoj al multaj homoj, kiuj atendas helpon. Kaj samtempe ili ankaŭ povis scii, ke Esperanto estas lingvo de bonkoraj homoj.

Vespere okazis prelego-programo ĉe Nepala Esperanto-Asocio. Venis 12 homoj, inkluzive de "gastoj". Prezidantino bruligis kandelon antaŭ la portreto de d-ro Zamenhof. Bharat Ghimire libere prelegadis pri sia opinio pri d-ro Zamenhof kaj Tibor Sekelj. Poste paroletis ankaŭ Narendra Bhattarai kaj aliaj.

Vic-prezidanto Poshraj honoris s-ron Hareram Bista, kiu de komenco de la Nepala Esperanto-Asocio laboris por la movado.

Razen Manandhar <razeno@gmail.com>
http://razeno.blogspot.com

# Japanio

## Zamenhofa Festo de Tokia Esperanto-Klubo

Sabate la 10-an de decembro 2011 TEK okazigis kiel kutime la decembran Zamenhofan Feston en Shinagaŭa-ku, Tokio. La ĉefa gasto estis profesoro Teruhiro Sasaki, la prezidanto de KAEM. Li prelegis pri la historio de sia esperantisteco kaj pri klopodoj

enkonduki Esperantajn kursojn en japanajn universitatojn. La prelego estis treege interesa kaj kortuŝa, la aŭskultantoj eksciis, kiom da sindediĉo oni bezonas por efektivigi tiun planon. La bonega agado de profesoro Sasaki estas tamen tute sukcesa, ĉar ĉe li kolektiĝis vere multaj gestudentoj havantaj sinceran intereson pri Esperanto. Post lia prelego, lia studento, kiu lernas Esperanton de tute mallonga tempo, prezentis iluziistan programon uzante tre fluan Esperanton, kio mirigis ĉiujn spektantojn.

Krom la ĉefa prelego, ni havis ankaŭ aliajn programerojn, ekzemple mi parolis pri Vjetnamio kaj Vjetnama Esperanto-Movado, estis ankaŭ salutoj kaj raportoj pri TEK-agado, ni kune kantis kaj ĝuis la aŭkcion ĉe la fino de nia festo. Kvankam la nombro de ĉeestantoj ne estis tre granda, ni konsideras la Zamenhofan Feston tre sukcesa.

Igor Wasilewski <ZTD02737@nifty.com>

## Zamenhofa Festo en la suda insulo Kjuuŝuu

La 18an de decembro Hukuoka-Esperanto-Societo okazigis Zamenhof-Feston en la urbo Dazaifu, kaj 10 personoj partoprenis. La festo konsistis el kantado de "La Espero", deklamo de Zamenhofa verkaĵo, raportoj pri "UK en Kopenhago", pri "Komuna Kongreso", pri "Privata Esperanto-Biblioteko", ludo de vjetnama nazfluto, kunkantado el "Kolza Kampo", paroladoj "Esperanto kaj mi" kaj aliaj prezentaĵoj.

HASHIGUCHI Shigejuki" <hashi.juki@nifty.com>

## Ĉuugoku-Ŝikoku-Kongreso kun 54 partoprenantoj

La 12an kaj la 13an de novembro okazis la 12a kongreso de Esperanto-Ligo de Ĉuugoku-Ŝikoku en Kibizi, Okajama kun 54 partoprenantoj. Inter la riĉaj programeroj plej freŝajn voĉojn havis fakkunsido kun partopreno de sep mezlernejanoj kaj studentoj, krom oldaj.

Al la junuloj donis lecionon de Esperanto sperta instruisto Atilio Rojas, poste ili mem konsiliĝis kiel progresigi junularan movadon

kun ĉeesto de Okabe Akiumi, unu el organizantoj de IJK-Tenri. La junuloj ŝajnis kiel floroj de la kongreso.

Kaj ni sukcesis pli antaŭeniri malgraŭ altiĝo de averaĝa aĝo de la membroj. La standardo de la Ligo iris al Esperanto-Societo de Macujama, kie la 13a Kongreso okazos en 2012. Ekde hodiaŭ la prezidanto de la Ligo estas s-ro Nakacuka Kimio el Ehime.

Osioka <osioka@mua.biglobe.ne.jp>

* Tre bedaŭrinde Internacia Junulara Kongreso planita okazi en Tenri, Japanio somere en 2012, estis nuligita pro manko de juna homforto por sukcesigi ĝin. Ankoraŭ ne estas decidite, kie ĝi okazos.

## Kalendaroj en la mondo, ekspozicio en Maebaŝi

La dua Esperanto-ekspozicio kaj Zamenhofa Festo okazis en la urbo Maebaŝi, kiu situas 100 kilometrojn nordokcidente de Tokio.

### 1. La dua Esperanto-ekspozicio

Ekde la 15a ĝis la 17a de decembro okazis la dua Esperanto-ekspozicio en la gubernia domo. La ĉefa temo estis "Kalendaroj en la mondo". Esperanto-societo de Gunma kolektas kalendarojn ekde 1992 kaj ĝi havas preskaŭ 100 el 50 landoj. Vizitantoj ne estis multaj, sed du ĵurnaloj aperigis artikolon pri ĝi kun foto, do tiuj artikoloj kompensis la mankon de vizitantoj.

En la venonta jaro ni ekspozicios pri muzikiloj el la mondo en alia loko, kie venos pli multaj homoj.

### 2. Zamenhofa Festo.

Post la ekspozicio ni havis Z-Feston en la sama loko kaj poste en la restoracio. Komence ni havis ĝeneralan kunsidon de nia societo kaj poste Zamenhof-feston kun sinprezentado kaj iom da amuzaĵo. Poste ni translokiĝis al la japana restoracio, kie ni manĝis, trinkis, ludis bingon. 18 homoj partoprenis.

HORI Jasuo (s-ro) <hori-zonto@water.sannet.ne.jp>

## Monda Pupekspozicio per Esperanto

Kun la ĉeesto de la urbestraro kaj la ĉefaj amaskomunikiloj (NHK, Yomiuri, Asahi, Nihon Keizai, ktp.) la 1-an de oktobro 2011 estis inaŭgurita la 'Monda Pupekspozicio per Esperanto' en Izucu Jaŝiki, sidejo de la Nova Turisma Asocio en la urbo Higaŝikagaŭa, en la gubernio Kagaŭa en la insulo Ŝikoku.

En mia inaŭgura parolado kiel la prezidanto de la Asocio, mi esprimis, ke ĉi tiu ekspozicio klare montras la gravecon de kulturaj interŝanĝoj, kion 25 artikoloj en la gazetaro de 11 landoj el 4 kontinentoj prave montris. La ambasadorino de Pollando, s-ino Jadwiga Maria RODOWICZ-CHEWOSKA, asertis, ke la ekspozicio 'certe estos sukcesa kaj kontribuos al la daŭra interpopola interkompreniĝo'. La ambasadoro de Argentino en Japanio, s-ro Raúl DEJEAN, sendis gratulmesaĝon okaze de la malfermo de la evento.

630 pupoj el 22 diversaj landoj el Japanio, Afriko, Orienta Eŭropo kaj Sudameriko estis montrataj dum 10 tagoj en laŭlandaj standoj. La vizitantoj trovis informojn pri la landoj kaj ilia rilato kun Japanio en la aldonaj paneloj bele ornamitaj per fotoj pri turismaj atrakciaĵoj, mapoj kaj la bildoj pri la pupsendintoj. La pupoj estis el porcelano, ligno, ŝtofo, ktp. kaj portis tradiciajn vestojn.

Unu el la plej valoraj kontribuoj estis faritaj de Vlad'ka Chvatálová, ĉeĥa esperantisto laboranta kiel EU-interpretisto kaj gvidanto de la orfejo 'Nabouba' en Benino. Ŝi kolektis 52 interesajn pupojn el Benino, Ganao kaj Togolando kaj grandpakaĵe ilin portis al Belgio kaj de tie sendis al Japanio.

Ekstere la gastoj estis bonvenigataj de 22 flagoj kaj interne apud kartona terglobo troviĝis Esperanto-flago por montri, ke la kolekto estis farita dank'al Esperanto-parolantoj.

Dum la ekspozicia periodo okazis tri atelieroj pri marionetfarado, ombroludado kaj en la restoracio estis servataj argentinaj vegetaraj pladoj.

Proksimume 10 000 homoj vizitis la eventon. Laŭ la enketo

plenigita je la fino, la beleco de la kostumoj kaj la ĉarmaj pupvizaĝoj pleje altiris la atenton, kaj vizitantoj esperas en la baldaŭa estonteco vidi aziajn pupojn. Ni celas tiel vastigi la eventon, ke ni altiru 100 000 homojn al la aranĝo.

Etsuo Miyoshi e.miyoshi@swany.co.jp

# Pakistano

## La 34-a Jara Kongreso de PakEsA en Lahore




La 24-an de decembro-2011 komenciĝis la 34-a jara Kongreso de PakEsA en la urbo Lahore. Samideanoj el diversaj urboj partoprenis. S-ro Tariq Umer Chaudhary, s-ro Jamshed Ajmal kaj s-ro Hakeem Altaf el Multan, s-ro Adeel Butt el Islamabad kaj s-ro Altaf Rauf (Fort Abbas), Munaver Ijaz (Mian Ĉannu), Adeel Riaz, Shahid Mehmud kaj M. Yasir (Okara), Athar Farooq (Goĝra), Abid Saeed (Melsi), Amjad Ali (Dunya Pur) reprezentis siajn urbojn respektive.

Dum la kongreso okazis la estrara kunsido de PakEsA, en kiu oni decidis diversajn aferojn kaj planon por la jaro 2012. Jen estas la decidoj.

1. Unua kunsido de estraro de PakEsA okazos en la urbo Nankana Sahib (Shekhupura).
2. La 26-an de februaro, 2012, Festo por la tago de s-ro Allama Muztar Abbasi (la fondinto de Esperanto-movado kaj PakEsA en Pakistano por lia memoro kaj valoraj servoj).
3. La 26-an de julio 2012, la dua estrara Kunsido de PakEsA okazos en Murree. Por tiu ĉi okazo ni okazigos marŝon ĉe la butikcentra vojo, Mall Road, Murree, sekve de Esperanta "Ago-Tago" kaj ni distribuos broŝurojn pri Esperanto.
4. La 21-an de septembro 2012, la tria estrara kunsido de PakEsA okazos en Lahore aŭ Islamabad.
5. La 29-30-an de decembro- 2012, la 35a jara kongreso de PakEsA okazos, en kiu la 4-a kunsido de la estraro kaj elektoj okazos en Multan.
6. Muhammad Zubair, membro de KAEM, kompletigos la laboron de traduko de la kursoj de "Lernu" por instrui Esperanton per la urdua lingvo kune kun aliaj lingvoj de la mondo kaj transdonos "Lernu".
7. S-ro Hamid Saleem Minhas preparos Kompakto-diskon, kiu konsistos el la baza kurso de Esperanto. En ĉi tiu KD, la dosieroj de formato PDF de Esperantaj preparaj libroj kaj Vortaro ankaŭ estos lokitaj.
8. PakEsA ĉiun jaron la 15an de decembro okazigos Zamenhofan Tagon. Ĉiuj lokaj grupoj de PakEsA individue okazigos, kaj la asocio donos premion al la grupo, kiu okazigos la plej bonan feston.
9. Baldaŭ PakEsA eldonos la revuon "Facila Esperanto" rete en la PDF-formo.
10. Venos la datreveno de 125 jaroj de Esperanto en 2012. PakEsA aranĝos programojn ĉe la centra nivelo. Ĉi-rilate PakEsA plene subtenos s-ron Adeel Mehmood Butt, la reprezentanto de UEA

pri la projekto 125 en Pakistano.

11. S-ro Muhammad Zubair prezentos kompletigitan Araban tekston de Sankta Kuraano "Redaktita en Esperanto de s-ro Allama Muztar Abbasi" en julio 2012.

Shabbir Ahmad Sial (Prezidanto de PakEsA)
<pakesa_prezidanto@yahoo.com>

## Sendu materialojn por la ekspozicio

Ni aranĝos Ekspozicion pri Esperanto en la sankta kaj fama urbo "Nankana Sahibo" dimanĉe la 26-an de februaro, 2012. Jenaj materialoj estas bezonataj por la ekspozicio: afiŝoj, glumarkoj, butonoj kaj kalendaroj, gazetaroj de UEA kaj TEJO, lernolibroj, historiaj libroj, literaturaj libroj, bildokartoj, aĵoj pri UEA kaj TEJO, mapoj, vortaroj, biografio de Zamenhof kaj aliaj libroj.

Sendu la materialojn al la suba adreso :
Mahmood Butt: Ward No. 11, Near M.C. High School 39100, Nankana Sahib / PAKISTANO poŝtkodo: +92334371376
jepoficejo@gmail.com

# Vjetnamio

## Zamenhofa Tago 2011 en Hanojo

Dimanĉe, la 11an de decembro 2011, VEA, kun sia junulara organizo VEJO, brile organizis Zamenhofan Tagon en Hanojo.

Partoprenis en la kunveno geesperantistoj el la diversaj sekcioj de VEA kaj HanEA, la reportero de la ttt-ejo de Vjetnama Unio de Amikecaj Organizoj, VEJO-anoj kaj studentoj lernantaj Esperanton en diversaj universitatoj.

S-ro Nguyen Van Loi, prezidanto de VEA, estro de LKK de UK-97a, raportis pri la aktivecoj de la vjetnama delegacio dum la UK-96a, celanta informi pri UK-97a kaj ricevi la flagon de UK por UK-97a. Lia raporto estis ilustrita per projekciado de tre vivaj fotoj. Poste, li faris bilancon de la aktivecoj de VEA dum la jaro 2011, kun speciala mencio pri la preparado de la venontjara UK-97a, pri

kunaranĝoj inter LKK kaj la konstanta kongresa sekretario de UEA pri aliĝkondiĉoj favore al la vjetnamaj partoprenantoj.

S-ro Nguyen Xuan Thu prezentis planon de VEA responde al la Projekto Esperanto 125 por celebri la 125an datrevenon de la publikigo de la Unua Libro de d-ro L. L. Zamenhof en 2012. La tre enhavoriĉa agadplano de la vjetnama versio ne konsideras la esperantistojn kiel celgrupon, sed la amaskomunikilojn, la ĝeneralan publikon kaj la gravajn instancojn kaj personojn. Trejnado celas ne nur novajn lernantojn sed ankaŭ instruistojn de Esperanto por la estonteco.

S-ino Lai Thi Hai Ly parolis pri la financa subteno fare de VEA al la UK partoprenontoj, inkluzive de ne-membroj; pri siaj impresoj pri la antaŭaj kongresoj; kaj speciale pri la Internacia Infana Kongreseto okazonta ĉe la VSK-infanĝardeno, kun espero varbi, krom la internaciaj infanoj, ĉirkaŭ 20 vjetnamajn geknabojn.

F-ino Nguyen Thi Phuong, VEO-ano faris perbildan raporton pri sia vizito al Japanio en junio 2011 por partopreni en diversaj Esperanto-kongresoj en Sajtama (Kantoo) kaj Koobe (Kansajo). Estis okazo por ŝi informi al japanaj amikoj pri Vjetnamio kaj UK-97a.

S-ino Le Thi Cao Truong faris bildprezenton pri la vivo de Zamenhof, uzante bildrakonton de Colin Andreo, sur muzika fono “Mi dankas vin, sinjoro Ludoviko Zamenhof” de Jerzy Handlik. La originala teksto en la angla estis tradukita de s-ro Nguyen Xuan Thu en Esperanton, kaj la vjetnama traduko voĉlegita de la prezentistino.

S-ro Nguyen Van Loi transdonis atestilon je A2 nivelo al 7 studentoj el Hanoja Fremdlingva Universitato, kiuj sukcese ekzameniĝis en novembro. Unu el la ekzamenintoj sciigis pri sia lernado kaj promesis diligente daŭre lerni por servi UK-97an. Krome, unu lernantino, kiu ankoraŭ ne pasis la ekzamenon, flue esprimis siajn impresojn, tiel montrante la promesplenan estontecon de la juna generacio. Komuna memoriga foto fermis tiun interesan kunvenon.

# Taĝikio

## Esperantistaj gastoj en Taĝikio

En la jaro 2011 kelkaj esperantistoj vizitis nian montaran landon.

En majo la esperantistoj de la ĉefurbo gastigis familion de ges-roj Sans el Svislando: Jaque, Florans kaj tri ĉarmaj infanoj. La familio faras rondvojaĝon tra la mondo per propra aŭtobuso. Pri ilia gastigado kaj solvo de iliaj problemoj okupiĝis s-ro Firdaŭs Ŝukurov. Ni ege interese babilis, diskutis pri interesaj temoj kaj konatigis la gastojn kun vidindaĵoj de nia ĉefurbo. La familion gastigis ankaŭ 90-jara patrino de Firdaŭs. Dum teumado ŝi multe rakontis pri la historio kaj eduksistemo de nia lando. La familio Sans restis en Duŝanbe dum unu semajno kaj poste pluveturis tra Pamiro al Kirgizio.

Septembre nin vizitis s-ino Seike Ŝigeko el Japanio. Post vizito al Uzbekio kaj Kirgizio ŝi venis al Taĝikio. Ankaŭ ŝi restis en Duŝanbe dum unu semajno. Ŝin gastigis s-ro Firdaŭs kaj lia patrino. S-ino Seike vizitis kelkajn esperantistojn kaj helpis rikolti fruktojn en Esperanto-ĝardeno. Ŝi sukcesis spekti solenan paradon sur la ĉefa placo de la urbo (placo de Ismoil Somoni), dediĉitan al 20-jara datreveno de la sendependiĝo de Taĝikio post la disfalo de Sovetunio. Post la vizito al nia lando ŝi pluvojaĝis al Ĉinio.

Oktobre dum du semajnoj s-ro Firdaus gastigis samideaninon el Irano, s-inon Giti Ferdosnia. Ĉar la persa kaj taĝika estas parencaj, do s-ino Giti havis multege da kontaktoj kun lokanoj ne nur Esperante, sed ankaŭ perse. Serĉante eblecon instrui persan skribmanieron al dezirantoj, ŝi ne tro emis viziti muzeojn. Sed ŝi sukcesis viziti ĝardenon de la patrino de Firdaŭs kaj helpis rikolti pomojn kaj nuksojn. Ĉiutage ŝi havis eblecon perfektigi sian Esperanton helpe de Firdaŭs. S-ino Giti estis tute kontenta pri la vizito al nia lando. Ŝi promesis reveni denove.

La 15-an de decembro aktivuloj de la Asocio festis datrevenon de la naskiĝo de nia majstro. La kunveno okazis en la loĝejo de Firdaŭs. Ĝin partoprenis ankaŭ honora membro de la Asocio,

akademiano Usmanov Z.Ĝ. S-ro Firdaŭs informis pri la vivo de Zamenhof kaj raportis pri la atingaĵoj en la movado. Oni pridiskutis planojn por la nova 2012-a jaro. Poste okazis balotado por elekti novan prezidanton de la Asocio. Saidmurod Hoĝazod, 41-jara doktoro pri taĝika filologio, estis elektita kiel nova prezidanto de la Asocio. Ĉeestantoj kore dankis s-ron Firdaŭs pro lia 30-jara Esperanto-agado kaj esprimis esperon, ke ni kun s-ro Saidmurod sukcesos varbi en la venonta jaro multe da novaj esperantistoj (se ne 125, do almenaŭ kelkajn).

Saidmurod Hoĝazod (saidmurod70@yandex.ru)
Firdaŭs Ŝukurov (komintel@yandex.ru)

## Indonezio

Se vi iom sekvis tion, kio nun okazas rilate al Esperanto en Indonezio, vi scias, ke la tiea movado de preskaŭ nulo multe kreskis en la lastaj du jaroj. Pasintjare okazis sufiĉe multe: kelkaj grupoj aktivas, ekeldoniĝis la bulteno « Esperanto en Indonezio » (havebla ĉe https://sites.google.com/site/esperantoenindonezio/bulteno), Tatjana Loskutova (el Rusio) vizitis Indonezion kaj instruis en kvin urboj, du indonezianinoj partoprenis plurajn E-aranĝojn en Eŭropo... Tamen la planto ankoraŭ bezonas fortikiĝon... ekz. estus bone se venos indonezianoj al la UK en Vjetnamio.

En la dua bulteno « Esperanto en Indonezio » kaj ankaŭ en Facebook kaj per retmesaĝoj ni dissendis alvokon al la indoneziaj esperantistoj
(https://sites.google.com/site/esperantoenindonezio/blogo/alvokoporindonezianoj)
por ke ili kandidatiĝu por subvencio cele al partopreno en la ĉi-jara UK. Al tiu alvoko venis ĝis nun jam 20 respondoj. Inter ili du personoj jam ricevis la kotizon helpe de eŭropaj esperantistoj. Probable venos pli da sinproponoj. Ni kompreneble rigardos kies partopreno plej povas helpi al la movado. Pluraj el la ĝisnunaj kandidatoj ankoraŭ ne havas 20 jarojn, kaj ne devos pagi kotizon, sed la vojaĝkostoj tamen tro grandas. Ni do volas peti vin helpi al

tiuj indonezianoj. Estas pluraj eblecoj. Vi povas ĝiri monon al la konto Fondaĵo Tria Mondo aŭ al la konto Azio (ambaŭ ĉe UEA) por helpi pagi la kotizojn aŭ parton de la vojaĝkostoj de la indonezianoj (ne forgesu mencii « por indonezianoj al UK »). Se tamen ankaŭ vi preferas pagi kotizon aŭ vojaĝon por iu specifa persono, kontaktu nin por ke ni aranĝu tion.

Aldone, bonvenas subteno por la daŭra aperigo de « Esperanto en Indonezio ». Por tio, donac(et)oj bonvenas al la UEA-konto iesa-p.

Ilia kaj Heidi

PS: por ĉiaj demandoj, vi povas kontakti nin per la sekva adreso: redakcio-ideo@googlegroups.com.

Heidi Goes <heidi.goes@gmail.com>

# Israelo

## Zamenhofa Kunveno de Esperanto-Ligo en Israelo

La ĉi-jara Landa Kunveno de ELI, okazinta preskaŭ koincide kun la Zamenhofa tago, sendube havis nekutime riĉan artan programon: kantado de Oded Gilad kaj Enrica, ashkenazaj dancoj de Tsvi Sadan, skeĉo de Esti, Enrica kaj Jael kaj multe da sociumado.

Michal rakontis pri sia esperantiĝo, estis raportoj pri financoj (Josi) kaj agado (Amri) de ELI, okazis debato pri la agado kaj elektoj de nova estraro. Sed ne malpli grave: oni multe babilis kaj amuziĝis dum la libera tempo, facile interkoniĝante dank' al la nomŝildoj iniciatitaj de Lea. Kiel memoraĵo jen 50 fotojn (adone al tiuj de Yael)
https://picasaweb.google.com/104206151883892331911/LandaZamenhofa122011#

kaj du vidbendoj:

La kanzono "Imagu" prezentita de Oded
http://www.youtube.com/watch?v=lS0MP93Jm2o

kaj la prezentaĵo pri la agado de ELI

http://www.youtube.com/watch?v=O2R9wBHEXsM akompanita de la kanzono "Zamenhof" kantita de Enrica kaj Oded en la kunveno.

Jam ekplanu partopreni en la venonta renkontiĝo de ELI - la Israela Kongreso en majo http://www.esperanto.org.il/ik.html - estos riĉa programo kun JoMo, Bronŝtejn kaj la tradicia postkongresa turismado tra Israelo.

Amri Wandel, Prezidanto de ELI <amri@huji.ac.il>

# Irano

## Zamenhof-taga festo en Tehrano

La 21an de decembro okazis Zamenhof-taga festo en la oficejo de Irana Esperanto-Asocio. Ĉi-jare pro malhaveblo de nia kutima kunvenejo kaj netrovo de taŭga alternativo, ni okazigis la feston en nia oficejo, kie estis loko nur por ĝis 20 personoj. La feston partoprenis 16 esperantistoj, cifero multe malpli ol nia rekordo de 60 partoprenintoj antaŭ kelkaj jaroj. Tamen la etoso estis varma kiel antaŭe.



1. Unue s-ro Reza Torabi anoncis sian baldaŭan migradon al Germanio. Pro tio li demisiis funkcii kiel la Ĝenerala Direktoro de

IREA-oficejo. S-ro Mahmud Mirbozorgi akceptis tiun laboron. S-ro Torabi raportis pri siaj aktivadoj dum la lastaj jaroj en la IREA-oficejo.
2. S-ro Ahmad Reza Mamduhi, eksa prezidanto kaj nuna ĉefdelegito de UEA, prelegis pri "Interreto kaj la fina venko".
3. Mi prelegis pri la situacio de Esperanto tra la mondo.
4. Okazis bankedo preparita de s-ino Farzaneh Ghods.

D-ro Keyhan Sayadpour, Prezidanto de UEA
<ksayadpour@gmail.com>

## Ĉinio

### Decido fondi Internacian Esperanto-Muzeon

En 19-a kunveno de estraranoj de Zaozhuang-a Universitato okazis en 20-a de novembro 2011, en kiu estraranoj diskutis pri fondo de Internacia Esperanto-Muzeo en la universitato. La kunveno opiniis, ke Esperanto estas vaste uzata en ĉiuj kampoj en la mondo kiel internacia lingvo, sed la konservado de Esperantaĵo kaj esplorado de ĝia efiko estas ne forta. Fondi Internacian Esperanto-Muzeon en Zaozhuang-a Universitato ne nur povas plenigi la kampon manki al Esperanto-muzeo en universitatoj en la mondo, sed ankaŭ estas utila por fama konatiĝo de Zaozhuang-a Univesitato en la mondo. Fine la estraranoj decidis fondi Internacian Esperanto-Muzeon en la universitato.

En la urbo Zaozhuang jam estas Zamenhof-busto kaj aktiva Esperanto-agado, en la univesitato funcias oficiala nedeviga leciono de Esperanto. S-ro Sun Mingxiao <semio@163.com>, delegito de UEA pri kulturo, respondecas pri la preparo de la muzeo.

### Shandong-a Esperanta Junulara Organizo fondiĝas

Shandong-a Esperanta Junulara Organizo fondiĝas en Zaozhuang-a Universitato. S-ro Semio, la vicprezidanto de Shandong-a Esperanto-Asocio, prezidis la kunvenon, la profesoro s-ro Hu Xiaoling, direktoro de Zaozhuang-a Universitato, gastigis

ĉiujn partoprenantojn kaj s-ro Gao Qingxi, la estrarano de la universitato, faris bonvenigajn vortojn en la kunveno. Pli ol 50 junaj esperantistoj partoprenis en la inaŭgura ceremonio. S-ro Zhang Yan estas elektita kiel prezidanto de SEJO, s-ino Ba Yan, esperantistino kaj estrino de oficejo de internacia kunlaboro kaj interŝanĝo de la universitato, parolis en la kunveno. Esperantistoj el Linyi , Zaozhuang kaj Jinan ĉeestis en la ceremonio.

Semio <verdalimo@126.com>

## E-renkontiĝo en Interna Mongolio, Ĉinio



La 26-an de novembro la E-Asocio de la Interna Mongolio, Ĉinio okazigis kunvenon, en kiu Bai Risheng, sekretario de la asocio, kaj Kang Li prezentis siajn partoprenojn en la kunsidoj de Baogang-a E-Asocio kaj la E-Asocio de Teknikscienca Kolegio de Interna Mongolio. Ili alte taksis la renkontiĝon en Baotou. Honora prezidanto de la asocio Li Sen partoprenis la kunvenon, en kiu li kaj Xiao Ke, prezidanto de la asocio, lernigis la lingvon Esperanton al la ĉeestantoj. Kaj poste oni faris resumon de la laboroj en la kuranta jaro.

ji chen <chenji99@yahoo.com.cn>

## Esperanto-Lernado en Changzhou

En 2011 Liuguojun-a Profesia kaj Teknika Altlernejo en Changzhou, Jiangsu-provinco, orientsuda Ĉinio okazigis nedevigan E-kurson, en kiu lernis 38 studentoj el diversaj fakultatoj. Laŭ la regularo, post la lernado kaj trapaso al la ekzameno la studentoj gajnas 2 studpoentojn. Samtempe E-societo de studentoj en la lernejo regule okazigis aktivadojn posttagmeze de ĉiu merkredo. S-roj Zhang Changjiang kaj Zhang Changsheng gvidis la kurson. En 2008 s-ro Zhang Qunyuan, vicdirektoro de la lernejo kaj vic-prezidanto de la Changzhou-a Esperanto-Asocio enkondukis Esperanton al la lernejo, post tio E-renkontiĝoj de tempo al tempo okazas en la lernejo. ji chen <chenji99@yahoo.com.cn>

## La 9-a Ĉina Kongreso de Esperanto okazis en Hefei

La 24-an de decembro inaŭguriĝis en Hefei de la provinco Anhui la 9-a Ĉina Kongreso de Esperanto, kun la temo "Malfermi novan paĝon de la ĉina Esperanto-movado, surbaze sur Azio kaj vizaĝe al la mondo". Antaŭ la inaŭguro la video pri la 60-jara historio de Ĉina Esperanto-Ligo per paroloj de veteranaj kaj junaj esperantistoj kaj ankaŭ koncernaj gvidantoj subtenantaj E-movadon impresis ĉiujn.

La malferman ceremonion prezidis Yu Tao, vicprezidanto kaj ĝenerala sekretario de ĈEL. Chen Haosu, eksprezidanto de la Ĉina Popola Asocio por Amikeco kun Fremdaj Landoj kaj prezidanto de ĈEL, ĉeestis la inaŭguron kaj faris gravan paroladon. Li diris: "Dank' al Esperanto, ni renkontiĝas ĉi tie. Jam antaŭ pli ol cent jaroj, d-ro L. L. Zamenhof, kreinto de nia kara lingvo Esperanto, montris, ke Esperanto estas nur projekto de la internacia komuna lingvo liverita de li al la homaro, ĝi postulas disvolviĝon kaj perfektiĝon laŭ la evoluo de la epoko. Esperanto estas ne nur lingvo, sed ankaŭ simbolo de bela idealo de la homaro." "Ni devas unuflanke heredi de la maljunaj esperantistoj sinoferan spiriton, kaj aliflanke krei novan vojon por nia laboro, sin ĵeti per niaj kunfanditaj entuziasmo kaj aferoj en la konstruadon de la granda disvolviĝo kaj prosperiĝo

de la socialisma kulturo kaj fari kontribuon por starigi bonan figuron de Ĉinio en la internacia komunumo."

Dum la 3-taga kongreso preskaŭ 200 kongresanoj el diversaj lokoj de Ĉinio, el Hispano kaj Koreio diskutis pri la kongresa temo, pri la laborraporto de ĈEL kaj pri starigo de komisiono de E-instruado. Dum la kongreso okazis ankaŭ fakkunsidoj de Esperanto-instruado, medicino, komerco kaj tiu de prezidantoj kaj ĝeneralaj sekretarioj de lokaj Esperanto-asocioj. Donis al ĉeestantoj Esperanto-lecionon hispana samideano Augusto. El Popola Ĉinio kaj ĈEL organizis kunsidojn de siaj ret-legantoj.

La 25-an de decembro fermiĝis la kongreso kun sukceso. Chen Shi, estro kaj ĉefredaktoro de El Popola Ĉinio kaj vicprezidanto de la Ĉina Esperanto-Ligo, faris parolon en la fermo. Ŝi diris: "Ni devas servi per Esperanto al la granda disvolviĝo kaj prosperiĝo de la socialismaj kulturaj aferoj, strebi por krei novan markon de la Esperanto-movado kaj klopodi por disvastigi influon de la ĉina Esperanto-movado al la socio kaj plenforte kulturi ĉiopovajn talentulojn kaj plialtigi konkurencan kapablon de junaj esperantistoj."

## Studu la ĉinan lingvon per Esperanto

Kurso de la ĉina lingvo okazos en Zaozhuang-a Universitato. Tiu universitato estas fama universitato en Shandong, orienta Ĉinio kaj en ĝi studas pli ol dek mil gestudentoj ĉinaj kaj fremdlandaj kun pli ol 40 fakoj, inter kiuj pli bonaj fakoj estas ĉinaj lingvo, historio, pentraĵo, uŝuo, literaturo, kuirarto. Por lingva bazo de la studo de ĉina kulturo la universitato okazigos kurson de ĉina lingvo en marto ĝis julio de 2012. La lingvoj por instruado estas angla, ĉina kaj Esperanto. La loĝejo estas en apartamento kun du aŭ tri ĉambroj kun klimatiziloj, kaj vi povos kuiri manĝaĵojn. Vi povos manĝi ankaŭ en publika manĝejo. Post la studo vi povos rekte eniri ĉinan universitaton por diversaj fakoj.

La kotizo de kurso estas 6600 Yuan (RMB) kaj aliĝilo estas 400 Yuan. Pago de loĝejo en monato estas 600 yuan. Manĝado en

monato kostas 500 yuan. Dum la kurso turismo en la urbo estas senpaga. Kontaktu kun s-ro Sun Mingxiao, sekcio-estro por fremdaj gestudentoj de Zaozhuanga Universitato.

S-ro Sun Mingxiao: semio@163.comverdalimo@126.com

## La 5a Jarkunveno de Ĉinaj E-komercistoj

La 29-30an de oktobro 2011 okazis IKEF-Ĉina 2011 - La 5a Jarkunveno de Ĉinaj E-komercistoj en la urbo Hangzhou, la ĉefurbo de Zhejiang-Provinco, oriente de Ĉinio. En la Jarkunveno estis 42 personoj, el kiuj estas 26 oficialaj delegitoj nome de kompanoj kaj entreprenoj inkluzive eksterlandajn, brazila Da Vinci Ltda, hispana Suministros Agroindustriales Franquesa S.A., irana Magenta (Shanghai) Co., Ltd kaj itala Mondo del Vino. La jarkunvena programo estas reĝisorita de s-ro ZHAO Chenghua, membro de IKEF, vicprezidanto de Klubo de ĉinaj E-komercistoj (KĈEK).

Ĉi-foja jarkunveno ne estas pompa kompare kun la pasinta, sed ĝi estas pli okulfrapa kun komerca atmosfero, ekzemple, ne malmultaj reklamoj aperis en la kunvenejo, eĉ sur la podio. Tio estas nova stilo direktanta al la venonta jarkunveno, kaj faris nian jarkunvenon pli faka kaj profesia. Tia aranĝo plaĉas al ĉiuj partoprenantoj.

La jar-raporton prelegis s-ro Chielismo WANG Tianyi, ĉina peranto kaj estrarano de IKEF kaj prezidanto de Klubo de Ĉinaj E-komercistoj. Laŭ lia raporto ĉinaj E-komercistoj gajnis novajn sukcesojn kaj progresojn en la pasinta tempo, ekz., Xi'an Da Vinci Importa-Eksporta Ko. Lta kunlaboras kun Brazila Da Vinci Lta, kaj eksportas averaĝe po 20 kontenerojn monate. La granda negoco okazas komunike per Esperanto. Ankaŭ Xiamen Chine Ko. Lta regule importas italan vinon pere de Esperanto, eĉ importas specialan markon SALUTON, kiu estis ofertita al ĉiuj kunvenanoj. Kelkaj el ĉinaj E-komercistoj jam decidis disvendi tiun vinon. Ankaŭ kelkaj entreprenoj deziras havi E-stilan markon lerninte de Xiamen Chine Ko. Lta.

La jarkunveno estas fruktdona. Ĉiuj partoprenantoj sopiras al la venonta jarkunveno. Ĉe la fermo s-no Chielismo deklaris, ke IKEF-Ĉina 2012, La 6a Jarkunveno de Ĉinaj E-komercistoj, okazos en la urbo Changsha (ĉanŝa), ĉefurbo de Hunan-Provinco, sudcentre de Ĉinio. Li informis, ke por la venonta jarkunveno Esperanton lernas 200 gestudentoj de Changsha Profesia Komerca-Turisma Altlernejo. Retpaĝo: http://groups.google.com/group/komerco/

## Raporto de la Unua Aglido-agado

Post 5 monatoj la unua aglido-agado jam finiĝis. Dum la agado naskiĝis 12 agloj kaj 20 agligdoj el 90 ovoj. Nun jam kreskas 4 agletoj. Aliaj mortas aŭ malrapide kreskas. S-ro Sawaya el Japanio kaj s-ro Emile MAlANDA NIANGA estas elektitaj kiel elstaraj agloj, f-inoj Frada kaj Amikia estas elektitaj kiel elstaraj aglidoj. Poste ni sendos al ili atestilojn por ilia klopodo en la nomo de Internacia Instituto de Zaozhuang-a Universitato.

La dua aglido-agado komenciĝos. 5 agloj el la unua agado daŭre partoprenos en la dua agado.

Semio, la aglo-estro raportas.semio@163.com

## Tajvana Zamenhof-Festo kun Koreoj

Zamenhof-festo 2011 okazis la 4an de decembro je la eta kongresejo de Pingbe-a Komunuma Universitato. Pli ol 40 homoj partoprenis en la festo. Inter ili estis ok gastoj el Koreio. La festo komenciĝis je la 2a horo. Reza inaŭguris ĝin kaj menciis gratulmesaĝojn de kelkaj al nia festo.

Unue Kevin Shih prelegis pri Esperanto ĉefe al kelkaj vizitantoj de la festo, kiuj unuafoje sciis pri la lingvo. Inter la gastoj estis du policanoj de Pingtung-a Polico, fako de Fremdaj Aferoj, kaj angla instruisto John Sonderland de Usono.

Post la enkonduko la partoprenantoj kantis kune kantojn. Post la kantado Dancina prelegis pri sia vojaĝo al Koreio post la seminario pri Meditado en Uonbulisma Centro en Iksan. La kunvojaĝantino Ingrid faris Esperantan interpreton. Ili esprimis miron pri la vigla

Esperanto-movado kaj la gastamo de koreoj.

Sekve korea gasto Lee Jung-kee raportis pri sia sperto en Esperanto. Por Esperanto kaj per Esperanto li jam vizitis 72 foje diversajn landojn. Li estas eks-prezidanto de KAEM kaj la estro de Seula Esperanto-Kulturcentro. En la centro li jam ofertis pli ol 240 Esperanto-kursojn. Prof. Manlajo interpretis lian prelegon.

Kaj poste venis tempo de la juna joga instruistino Yvonne, kiu gvidis la ĉeestantojn fari aerobikan dancon akompane de agrabla muziko. Post la gimnastiko estis te-paŭzo. Oni rigardis la libroekspozicieton kaj aĉetis lernolibrojn, abonis esperantajn gazetojn (ekz. Beletra Almanako, Juna Amiko, Fomoza Folio) aŭ pagis la kotizon de UEA-membreco.

Post la paŭzo progresis la festo al la dua etapo. Unue korea instruistino Subira enkondukis sian alternativan lernejon "Lernejo Ondd" kaj siajn junajn lernantojn, kiuj venis kune al Tajvano por Esperanta kultura interŝanĝo. Ili nomiĝas esperante Akvo, Bluo, Ĉefo, Ĉielo kaj Klara. Tiu lasta estas bela, sola knabino kaj plej bone parolis Esperante. La geknaboj kantis du kantojn.

Fine Abengo prelegis teme "Koreoj: Nia Najbara Lando". Li montris la gravajn informojn pri Koreio, menciis la viglan Esperanto-movadon en Koreio, resumis la vivon kaj kontribuojn de Koreoj en Tajvano. Li parolis Esperante, sed lia prezentado sur ekrano estis en tri lingvoj: Korea, Ĉina kaj Esperanta. Ĉiuj povis kompreni lin sen interpreto. La prezentado estas elŝutebla je lia retejo ĉe (http://web.idv.nkmu.edu.tw/~cmcho/espero/ ).

La festo finiĝis je la 5a horo ptm. Ĉi-jara Zamenhof-festo estis riĉa en senco de programo kaj internacieco. Partoprenantoj estis el ses landoj (Tajlando, Germanio, Usono, Irano, Tajvano kaj Koreio). La kvin geknaboj el Koreio plijunigis la feston kaj la ĉeesto de tri profesoroj Wang, (nia traduk-maŝino de ĉina literaturo), Manlajo, la zorganto de Lernu-paĝaro de Tajvano kaj Abengo (nia vortaristo) plialtigis la nivelon de la festo.

Dank'al la kontribuoj de Reza, kaj la helpo de lokaj Esperantistoj Kevin, Flora, Ingrid, Dancina, Rico, Gloria, Amy,

Gigo, Yvonne kaj Cherry (Filipinano) ktp. la restado 5-taga de 8 koreoj kaj la Zamenhof-festo 2011 en Pingdong okazis glate kaj sukcese.

Jen paĝo, kie troviĝas fotoj de la ĉi-jara Zamenhofa Festo (fotoj 2 ĝis 14) kaj aliaj fotoj pri la koreoj kaj tiel plu. Manlajo provizis la fotojn:
https://picasaweb.google.com/manlajo/EKunvenoj?authuser=0&feat=directlink

Prof. Cho Chaoming (Abengo) <cmcho@so-net.net.tw>

# Koreio

## Raporto pri Zamenhofa Tago en 2011




En la 10-a de decembro, 2011, la 152-an Zamenhofnaskon festis Korea Esperanto-Asocio (KEA) en Commodore-Hotelo en urbo Pohang. En la evento partoprenis 43 esperantistoj kaj ĉirkaŭ 50 amikoj de PARK Wha-Chong (prez. de KEA). Laŭ prezido de

PARK Yongsung (vicprez. de KEA) la festo komenciĝis per la himno “La Espero”. Sekvis meditado pri d-ro Zamenhof kaj pri la pioniroj de Esperanto-movado. D-ro PARK Wha-Chong salutparolis. MIN Hyeonkyeong (ĝenerala sekr. de KEA) prezentis personan historion de d-ro Zamenhof. MA Young-tae (prez. de lingva komitato de KEA) prelegis sub la temo ‘Zamenhof, la granda majstro de homaro’, kaj gvidis kvizon per Esperanto-vortoj, en kiu s-inoj LEE Nam-haeng, BAK Su-hyeon, KIM Young-ok gajnis la premiojn per la supereco.

En la 2a parto de la evento, kiu kombinis 152-an Zamenhofnaskon kaj la 60-an naskotagon de d-ro PARK Wha-Chong oni ĝuis luksan vespermanĝon. D-ro PARK Wha-Chong regalis la partoprenantojn per diversaj vino kaj viskio, kiujn li kolektis dum longa tempo. En la festeno ludis la Koruso de Pohang-YMCA, Pohanga Virina Koruso kaj Pohanga Koncerto. Oni kune kantis Esperantajn kaj koreajn tradiciajn kantojn. Ĝis profunda nokto oni muzikis, dancis kaj babilis reciprokante bondezirojn pri Esperanto-movado. .

KIM Uson<kimuson@unitel.co.kr>
(Foto: PARK Jong Yeong)

## La Libro « Lando de Esperanto en amuzaj ludoj »

Kie estas la “Lando de Esperanto”? Ĉu ie en Eŭropo? Ĉu ie en Afriko? Ĉu ie en Sudameriko? Geografie, ĝi troviĝas nenie en tiu ĉi terglobo. Esperantujo estas la tuto de la lokoj kaj institucioj, en kiuj Esperanto estas uzata. <p.299 en PIV>

Do, Universala Kongreso de Esperanto estas la tipa Esperantujo, kie kunvenas miloj da esperantistoj de la mondo kaj ĝuas la mondvilaĝan feston en unu lingvo, kaj ankaŭ la landaj kongresoj okazantaj ĉiujare estas Landoj de Esperanto.

Kial do devas esti Lando de Esperanto en amuzaj ludoj? Estas dirite, ke la cirkvito de homa cerbo ŝanĝiĝas, kiam oni kontaktiĝas kun fremdaj kulturoj. Tio signifas la vigliĝon de cerba agado. Esperantistoj havas multe da ŝancoj renkontiĝi kaj sperti la

diversajn fremdajn kulturojn.

Do, la cerba cirkvito de esperantistoj ofte vigliĝas kaj nature bonhumoriĝas. Malgraŭ tio multaj esperantistoj ne plene ĝuas la Landon de Esperanto. Kial? Unue, esperantistoj havas la tendencon lerni Esperanton tro gramatike. Due, La ludo-kulturoj mankas al esperantistoj.

Kiel do ni povas solvi tiun ĉi problemon? Jen mia propono: unue, ni utiligu diversajn instru-materialojn en klasĉambro, kaj instruu ĉefe konversacion, kaj flanke de ĝi, gramatikon. Kaj igu la lernantojn tuj praktiki la lernintaĵojn, por ke la lernantoj certiĝu, ke Esperanto estas lingvo interesa kaj praktika.

Tiu ĉi "Lando de Esperanto en amuzaj ludoj" estas la libro, kiu enhavas multajn didaktikajn ludojn praktikeblajn ĉie, kie esperantistoj kunvenas, por fari la kunvenojn amuzaj kaj viglaj. Do, ĉi tiu libro helpos al la legantoj lerni Esperanton, ĝuante la didaktikajn ludojn, kvizojn, humuraĵojn kaj esperantajn kantojn.

oktobro en la jaro 2011

**Pri pli da informo pri la libro**

Aŭtoro : s-ro MA Youngtae (Leono).

Lingvoj : 2 lingvoj (Esperanto kaj Korea lingvo).

Aĉeto ĉe KEA (Korea Esperanto Asocio).

## Sendu Viajn Mesaĝojn por la Internacia Virina Tago

Bonvole dissendi ĉi-suban mesaĝon al viaj geamikoj eksterlandaj. Ĉar nur ni Hirosima Esperanto-Centro respondecas interŝanĝi la mesaĝojn mondskale, komisiite de la plenuma komitato, ni petas vian kunlaboron, kaj antaŭdankas vin.

Osioka-m osioka@mua.biglobe.ne.jp

---------------------------------------------------

## Mesaĝo por la Internacia Virina Tago 2012

Estimataj, kaj karaj gesinjoroj en la mondo,

Ni, la plenuma komitato de la Internacia Virina Tago de UN 2012 Hirosima, konsistas el 23 organizoj kaj la municipo Hirosima,

salutas vin solidarece, kaj elkore alvokas al vi.

En la 11-a de marto, 2012, por la Internacia Virina Tago de UN en la 8-a de marto, ni havos kunvenon por kunlaboro per saĝoj kaj fortoj, kaj antaŭenpuŝi konstruon de socio por komuna partopreno de geviroj.

Virinoj de la gubernio kaj de la urbo Hirosima organizas kunlaborojn por heredigo de paca socio al sekvanta generacio. Nur en paco ni povas koncentri fortojn por antaŭenpuŝo de komuna partopreno de geviroj.

Pasas unu jaro post la katastrofo de la orienta regiono de Japanio, kaj ni havos la Tagon en malfacila situacio de rekonstruado el la evento. Staras granda problemo al ĉiu generacio nun kaj poste, katastrofoj en la mondo pro kruelaj atakoj kaj de naturo kaj de akcidentoj de atomcentraloj. En la Tago 3.11 ni invitos al la kunveno prelegantojn el koncernaj fakoj, kaj konsiliĝos kunlabori al socio de komuna kaj egalrajta partopreno de geviroj.

Ni virinoj de atombombita Hirosima komunikos per laŭta voĉo al la homoj en Japanio kaj en la mondo, por ke ni iru sur la vojo al ekspluato de energiaj fortoj, ne dependante de nuklea povo. Ni kun kordeziro de la atombombitoj "Ne plu Hibakŝoj" alvokas ĉesigi uzon de atomcentraloj.

S-ino NOBUMASA Tieko, Prezidanto de la plenuma komitato
por la Internacia Virina Tago 2012, Hirosima
La municipo Hirosima
Kun guberniaj kaj urbaj organizoj:
Arko de Hirosima/ Ligo de WE-palaco/ Kina Karavano/
Novjapana Virina Asocio/ Tutlanda Ligo de Vartistoj/
Hirosima Esperanto-Centro/ Ligo de Medicinaj Sindikatoj/
Emerita Sindikato/ Instruista Laborsindikato/
Ligo de Solaj Patrinoj kun Infano(j) (urba)/
Laborsindikato de Municipaj Oficistoj/
Laborsindikato de Urbaj Oficistoj/ Ligo de Patrinoj/
Ligo de Lokaj Virinaj Asocioj de Hirosima/
Ligo de Virinaj Asocioj WENET/ Ligo de Komercistoj/

Virina Demokrata Klubo/ YWCA/ Asocio de Virina Edukado al Komuna Partopreno de Geviroj en la Socio/
Virina Asembleo/ Asocio Patye/
Plenuma Komitato de Projekto por Futuro de Infanoj.

**Limdato kaj aliaj:** ĝis la 5-a de februaro 2012. Maksimume sur unu leterpapero A-4 formata. Ankaŭ viroj rajtas skribi al ni.
Kun notoj petataj: Nomo, sekso, aĝo, profesio, urbo, lando.

**Kontaktoadreso:** OSIOKA Taeko osioka@mua.biglobe.ne.jp
Oogonzantyo 7-15, Minami-ku, Hirosima, 734-0041 Japanio

## Montru viajn agadojn en Bulgario

Lige kun projekto "Esperanto 125" kaj reklamcele Esperantista societo "Kolombo de la paco" en la urbo Galabovo, Bulgario organizos ekspozicion la 31an de marto 2012 kaj samtempe estos celebrota la 38-jariĝo de la fondo de la Societo. Lige kun la ekspozicio ni atendos ricevi fotojn de UK, de IJK, de konferencoj kaj de naciaj kongresoj, bildkartojn de la diversaj landoj kaj aliajn materialojn ligitajn kun la disvastigo de Esperanto-mondo. Ni atendas ankaŭ kuraĝigajn mesaĝojn. Por pliaj informoj kaj ricevado de la materialoj: Esperantista Societo "Kolombo de la paco" ul."Stara planina" 12, u.Galabovo - 6280, Bulgario,

Kanjo Kanev kanjokanev@abv.bg

## Historio

En julio okazos la 97a Universala Kongreso en Vjetnamio. Estas pli bone havi pli da scio pri tiu lando. Nun temas pri la unua vjetnama prezidento Ho Chi Minh. Ĉu li estis esperantisto?

### Ho Chi Minh kaj Esperanto

Nuntempe, surbaze de fidindaj fontoj de informado mi malkovris, ke li sciis ankaŭ Esperanton, kaj Ho Chi Minh reale estis esperantisto. De 1914 ĝis 1917 Ho Chi Minh vivis en Anglio. Krom la anglan lingvon, li lernis ankaŭ Esperanton, partoprenis la

sindikatan movadon kaj la skoltisman organizon de Anglio. Tiutempe anglaj skoltoj ŝatis paroli Esperanton en siaj kunsidoj kaj renkontiĝoj. [*Rimarko HM*: Baden Powell, la fondinto de skoltismo, kaj lia edzino, Olave, estis fakte simpatiantoj de Esperanto]

Post la Aŭgusta Revolucio de 1945 krom la francan, anglan kaj ĉinan, la Radiostacio de Vjetnamio uzis ankaŭ Esperanton por elsendi siajn novaĵojn tra la mondo. Prezidento Ho Chi Minh sugestis al tiama direktoro de "Voĉo de Vjetnamio <http://eo.wikipedia.org/wiki/Vo%C4%89o_de_Vjetnamio>", ke Esperanto, krom aliaj lingvoj, estu utiligata por disvastigi tra la mondo la "Deklaracion de Sendependo" de Vjetnamio. Tiamaniere Vjetnamio estis la unua azia lando uzinta la internacian lingvon en radio. La ĉiutaga radio-elsendo en Esperanto daŭris de septembro 1945 ĝis la eksplodo de la agresmilito fare de la francaj koloniistoj en Vjetnamio en decembro 1946.

En 1954, post la subskribo de la Ĝeneva Konvencio por paco en Hindoĉinio, internacia kontrola delegacio konsistanta el reprezentantoj de Hindio, Kanado kaj Pollando alvenis Vjetnamion por efektivigi sian funkcion. La delegacio estis akceptita de la Prezidento Ho Chi Minh. En tiu renkontiĝo Prezidento Ho parolis angle kaj france kun la gastoj. Turninte sin al polaj delegitoj li subite demandis: "Ĉi tie ĉeestas reprezentantoj de Pollando, la patrujo de Doktoro Zamenhof, la kreinto de la internacia lingvo. Do kiu el vi povas paroli Esperanton?". Du el ili levis siajn brakojn. Ho Chi Minh montriĝis ĝoja kaj de tiu ĉi momento li babiladis kun tiuj poloj en Esperanto. [...]

En 1968, unu jaro antaŭ sia morto, dum vizito al aviadistoj de la Popolaj Armefortoj de Hanojo, en intima konversacio Ho Chi Minh foje klarigis al ili pri Esperanto. Li diris: "Ĉiuj nacianoj, krom sia patrina lingvo, povas lerni nur Esperanton por egalrajte kontaktiĝi unu al la alia. Esperanto estas facila por la ellernado kompare kun la nacilingvoj".

# 5-a Mezorienta Esperanto-Kunveno en Turkujo

Renkontiĝo de esperantistoj el mezorientaj landoj en Turkujo en la jaro 2012-a.

**Lokoj kaj datoj:**

6-7-8 Aprilo 2012 en Gaziantep. La vera kunveno.

9 Aprilo en Ŝanlı Urfa. Turisma vizito.

10-11 Aprilo en Mardin. Turisma vizito.

Vere mezoriento… Belegaj urboj… Bonega etoso… Homoj povas veni antaŭ aŭ post la kunveno kaj ili povas pasigi tempon en Istanbulo (ni gvidos ilin en Istanbulo laŭeble…)

**Programo:** prelegoj, ekskursoj, artaj aranĝoj!

**Aliĝoj kaj informoj ĉe:** mezorienta.kunveno@gmail.com

Rigardu en http://www.arabujo.org/ aŭ rekte en http://uea.org/vikio/La_kvina_Mezorienta_Kunveno_en_Turkujo_en_2012 kaj vi trovos la jenon kaj multon alian:

Renato Corsetti renato.corsetti@esperanto.it

# Paĝoj de KAEM

## Aktivuloj, membriĝu al UEA subvenciite de "Fondaĵo Azio de UEA"

Estas malfacile por esperantistoj loĝantaj en nepagipovaj landoj membriĝi al UEA pro financa kialo, tamen certe vi volas esti membroj de UEA. Do sendu jenan peton al KAEM. Se KAEM konstatas, ke vi estas diligentaj esperantistoj, ĝi aligas vin al UEA senpage kaj vi ricevos la belkoloran organon "Esperanto" 11 fojojn jare. Jam vi ne estos izolitaj esperantistoj, sed en la rondo de la monda esperantistaro.

**Aliĝ-maniero**

1. Skribu jenajn du aferojn.

1) Viaj nomo, adreso, retadreso, naskiĝdato, profesio, kariero en Esperantujo ktp.

2) Viaj agadoj por la movado en 2011 kaj planoj en 2012.

2. Sendu ĝin poŝte al KAEM: ĉe Japana Esperanto-Instituto (JEI)
Japanio 162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3
Aŭ sendu rete al s-ro Sasaki Teruhiro <steruhiro@hotmail.co.jp>
* Skribu "Projekto C" kiel titolon aŭ sur la koverto.
3. Limdato: la 20a de decembro 2011. (Jam venis la limdato, sed ankoraŭ ni akceptos la petojn. En la venonta jaro ne malfruiĝu.)

**Notoj:**

1) **Skribu klare vian nomon kaj adreson <u>en Esperanto</u>!!!**

2) Rajtas membriĝi nur unu el la familianoj en la sama adreso.

**Peto al riĉaj ĉinoj**

Riĉaj ĉinaj esperantistoj ne aliĝu al tiu ĉi senpaga servo, sed mem membriĝu al UEA kaj se eblas, donacu pli ol 5 eŭrojn al Fondaĵo Azio de UEA por subteni la eldonon de "Esperanto en Azio" .

* En 2011 estis akceptitaj 153 homoj: Barato 5, Ĉinio 17, Indonezio 22+9 (per alia kaso Canuto), Mongolio 17, Nepalo 16, Pakistano 23, Vjetnamio 44

* En 2010, 16 homoj membriĝis de la subaj landoj, sed ne en 2011. Afganio 1, Azerbajĝano 1, Bangladeŝo 1, Filipinoj 3, Kamboĝo 1, Laoso 1, Srilanko 5, Tajlando 1, Turkio 1, Uzbekio 1. Ni atendas petojn de la supraj landoj kaj ankaŭ el Irano, Kazaĥio kaj sendependiĝintaj landoj en eksa Sovetunio.

# Esperanto-eventoj ===

**2012**

**3.1 ~ 6 / La 1a Sud-Azia Seminario /** Katmando, Nepalo
**5.10 ~ 12 / La 13a Israela Kongreso /** Bet Ŝean (Skitopolis), Israelo
**6.16 ~ 17 / La 61a Kantoo-Esperanto-Kongreso /** Hakone, Japanio
**6.23 ~ 24 / La 60a Kansaja Esperanto- Kongreso /** Osako, Japanio
**7.20 ~26 La 45a ILEI-konferenco /** Kunming, Ĉinio
**7.28 ~ 8.4 / La 97a Universala Esperanto-Kongreso /** Hanojo, Vjetnamio

**La 68-a Internacia Junulara Kongreso /** ~~Tenri, Japanio~~ *** Nuligita!**
**Somere / La 7-a Esperanto-Kongreso de Nordoriento kaj Interna Mongolio de Ĉinio** / Changchun, Ĉinio
**10.6~8 / La 99a Japana Esperanto-Kongreso** / Sapporo, Hokajdo,
**Oktobre / La 44a Korea Esperanto-Kongreso** / Koreio

**2013**

**4. 18 ~ 22 La 7a Azia Esperanto-Kongreso** / Jerusalem, Israelo

**KAEM-anoj**

1. Koreio: S-ro PARK Yong-sung esabpark@korea.com>
2. Vjetnamio: S-ro Hoang Ngoc Boi
   <amarateo@gmail.com> <boihn.gm@vietsov.com.vn>
3. Ĉinio: s-ro WANG Ruixiang <wrxzj@tom.com>
4. Barato: s-ro Ranganayakulu <ranganayakulu@gmail.com>
5. Japanio: s-ro SASAKI Teruhiro <steruhiro@hotmail.co.jp>
6. Pakistano: S-ro Muhammad Zubair <zurnab_pk@yahoo.co.in>
7. Irano: s-ro Reza TORABI <torabireza@gmail.com>
8. Nepalo: S-ro Mukunda Raj Pathik <mpathik@gmail.com>
9. Taĝikio: S-ro Fajzullaev Ĝamŝid <fajzullaev@yandex.ru>
10. Israelo: s-ino Esther SEBBAN <esti33333@hotmail.com>
11. Mongolio : S-ro Chimedtseren Enkhee <enchjo@yahoo.com>

**Kunlaborantoj de KAEM**

Japanio: s-ro HORI Jasuo (redaktado de "Esperanto en Azio")
s-ino TAHIRA Masako (provlego)
s-ro ISINO Yosio (presado kaj ekspedo)


## Esperanto en Azio

Eldonanto: Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado
Adreso de KAEM: ĉe Japana Esperanto-Instituto (JEI)
Japanio 162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3
telefono: +81-3-3203-4581 fakso:+81-3-3203-4582
retpoŝto: <esperanto@jei.or.jp>
TTT-ejo de KAEM: <http://www.kaem.org/>
Redaktoro: HORI Jasuo <hori-zonto@water.sannet.ne.jp>
Japanio 371-0825 Gunma-ken Maebaŝi-ŝi Ootone-maĉi 2-13-3
*La adreso de HORI estis ŝanĝita.